*Kara leganto,*

*vi havas en la mano forme kaj enhave novan revuon. Ni volas renoviĝi ne per radikala ŝanĝo, sed per sobra prikonsidero de la postuloj de nia moderna epoko kaj – ne laste – per tiu de niaj homaj kaj financaj ebloj.*

*Kaj nun – traleginte ĉi tiun numeron – estas via vico, kara amiko. Bonvolu diri al nia redakcio (adreso sur paĝo 27), kio al vi plaĉas aŭ malplaĉas, donu al ni viajn proponojn, konsilojn kaj helpu al ni per varbado, kontribuado.*

*Ni agu kune, por ke Juna Amiko fariĝu nia komuna havaĵo en sia 30a jaro.*

*Geza KURUCZ*
*redaktoro*

ENHAVO




INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE

**ILEI**

POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

MARTO 2003 N-ro 1(104)


**Pri la lingvaĵo de JUNA AMIKO.** Sen pied-notoj ni uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejmpaĝo: ***www.junaamiko.inf.hu*** . En vort-kunmetoj, se necesas – por rekoni la kunmeton – ni uzas divid-strekon, sed kiam la vorto revenas en la sama teksto, ni ne uzas ĝin.

***Sur la titol-paĝo:*** *Bonvenigo de printempo*
Fotografaĵo de *Raita Pyhälä* el Finnlando

*Ludmila* JEVSEJEVA, *Latvio*

# 6+9=20(?)

Instruistino demandas al lernanto:
*"Bercis, se mi donacos al vi ses kuniklojn kaj via patro donacos al vi ankoraŭ naŭ kuniklojn, kiom da kunikloj vi havos en-tute?"*
Post iom da meditado la knabo respondas:
*"Dudek."*
*"Ĉu? Aŭskultu pli atente: mi donacos ses kaj via patro naŭ kuniklojn. Do, entute?"*
La lernanto denove enpensiĝis kaj dubeme ripetas la samon:
*"Dudek."*
La mirigita instruistino malrapide ripetas la saman demandon, sed en pli konciza formo:
*"Ĉu ses kaj naŭ faras dudek?"*
La knabo respondas:
*"Ne, ĝi faras dekkvin."*
*"Kial do vi diradas «dudek»?"*
La lernanto rezone klarigas:
*"Ĉar kvin kuniklojn mi jam havas mem."*



***kuniklo:*** **dom-besto, tute simila al leporo /** ***konciza:*** **havanta nenion super-fluan /** ***mediti:*** **profunde kaj daŭre pensi /** ***rezoni:*** **veni al logika rezulto.**

# KORO DE MEVO

*Francesco Bentivogli*

*Premiita verko de la fabelkonkurso 2002 (vidu p.5)*

Mevo vivis sur rifo, meze de la maro. Ĝi estis feliĉa kaj kontenta. Vidinte arĝentan koloron de fiŝo por la tagmanĝo, ĝi rapide plonĝis en la ondojn. Iun nokton leviĝis ŝtormego, kaj inter tondroj kaj fulmo-briloj ĝi estis ĵetita kontraŭ rokon, kiu frakasis unu ĝian flugilon. La mevo ne plu povis flugi. La suno ne plu varmigis, la luno ne plu lumigis ĝin. Ĝi sidis kun fermitaj okuloj kaj rezignis vivi. Ondoj banis la rifon, sed la mevo, nekapabla flugi kaj fiŝ-kapti, restis senmova.

En iu tago fiŝkaptisto venis al la rifo. Li vidis la birdon duonmortinta, prenis kaj portis ĝin hejmen, donis al ĝi fiŝetojn, kiuj restis en la fundo de lia reto. Poste li lokis ĝin en sia korto, kie vivis ankaŭ lama kato



kaj duon-blinda hundo. Inter tiuj bestoj – malfeliĉaj kiel ĝi, sed trankvilaj – la mevo iom post iom reakiris la forton, sed plu restis malgaja, kaj neniam aŭdigis sian voĉon.

La fiŝkaptisto komprenis la nostalgion de la mevo kaj decidis preni ĝin kun si, kiam li eliris fiŝkapti. Foje, li venis al la rifo kaj tiam li vidis la okulojn de la mevo refariĝi vivaj kaj helaj, kaj la birdo, tre ekscitita, iris supren kaj suben en la fiŝ-boato, eligante viglajn blekojn, kvazaŭ por saluti konatan lokon. Al ĝia bleko aliaj mevoj respondis ekflugante de la rifo kaj formante larĝan ringon ĉirkaŭ la malgranda boato.

Je sun-subiro la fiŝkaptisto revenis

al la bordo, malŝarĝis la boaton kaj ekmarŝis al sia hejmo. La mevo sekvis lin. En la korto la aliaj bestoj atendis ilin. Post vespermanĝo la homo sidiĝis ekster la pordo kun sia pipo kaj baldaŭ vidis la mevon veni apuden. Ĝi metis antaŭ liaj piedoj rondan ŝtonon rozan kaj glatan, kiun ĝi trovis sur la bordo de la maro. La fiŝkaptisto, surprizita, ne komprenis la signifon tiu-vespere, sed kiam li rimarkis, ke post ĉiu vojaĝo kun la mevo al la rifo, la mevo metis al liaj piedoj plumon, branĉeton, konkon, li, fine, komprenis, ke tio estis ĝia maniero montri sian dankemon, ĉar li portis ĝin revidi siajn ĉielon kaj maron. La maljunulo sentis sian koron plen-ĝoja kaj vivis kontenta.

Kiam la luno leviĝis en la ĉielo, ĝi lumigis la dometon, kie la maljuna fiŝkaptisto ripozis kun siaj bestoj en paco. Ofte, dum profunda nokto, la mevo vekiĝis, levis la palpebrojn kaj palpebrumis al la luno.

## TUTMONDA FABELKONKURSO EN ESPERANTO, 2002

# REZULTOJ

**Kategorio A (6–9-jaruloj)**

1. ***Francesco Bentivogli, Italio***
2. *Alina Calibe Brucker, Germanio*
3. *Benedetta Ravaglia, Italio*

**Kategorio B (10-11-jaruloj)**

1. ***Paulina Christiansen, Svedio***
2. *Niina Tauriainen, Finnlando*
3. *Jana Herbsta, Latvio*

**Kategorio C (12-14-jaruloj)**

1. ***Stephanie Strunjak, Kroatio***
2. *Ivana Milijic, Serbio*
3. *Kirsi Tauriainen, Finnlando*

La ĉef-premion
*FABELO INTERNACIA*
*gajnis* ***Stephanie STRUNJAK***,
*Kroatio*

**Ĉi-jare**
**PARTOPRENU ANKAŬ VI**
**en la tutmonda**
**fabelkonkurso de**
**Päätalo-Instituto**
**Lim-dato: 10 septembro 2003**

**Informojn pri la fabelkonkurso vi trovas en Juna Amiko, n-ro 2/02**

*boato:* malgranda akvo-veturilo por unu du personoj / *fajna:* delikata, bongusta / *frakasi:* dis-rompi, dispecigi / *glata:* ebena sen el-starajoj kaj profundaĵoj / *gluti:* en-gorĝigi / *mevo:* nigre-grize blanka akvobirdo kun grandaj flugiloj / *nostalgio:* arda deziro al iama viv-maniero / *palpebro:* haŭto, kiu kovras la okul-globon / *pipo:* tabak-fumilo / *plonĝi:* salti en akvon / *rezigni:* ne plu voli ion fari / *rifo:* ŝtonaro en maro / *roko:* ŝtonego / *surprizi:* subite fari al iu ion ne-atenditan / *ŝtormo:* detrua pluvo-ventego.

Ronald GLOSSOP, Usono

# KANTO DE KOLOROJ

## RUĜA POMO

(Kantu laŭ la franca melodio "Frato Jakvo")




Desegno de 9-jara Tamara Marshall, Usono

***Ruĝa* pomo**, *ruĝa* pomo
Estas ĝi, estas ĝi.
Pomo estas frukto,
pomo estas frukto.
Frukto, jes, frukto, jes.

***Flava* rozo**, *flava* rozo
Estas ĝi, estas ĝi.
Rozo estas floro,
rozo estas floro.
Floro, jes, floro, jes.

***Verda* pino**, *verda* pino
Estas ĝi, estas ĝi.
Pino estas arbo,
pino estas arbo.
Arbo, jes, arbo, jes.

***Blua* jupo**, *blua* jupo
Estas ĝi, estas ĝi.
Jupo estas vesto,
jupo estas vesto.
Vesto, jes, vesto, jes.

***Nigra* kato**, *nigra* kato
Estas ĝi, estas ĝi.
Kato estas besto,
kato estas besto.
Besto, jes, besto, jes.

***Blanka* mevo**, *blanka* mevo
Estas ĝi, estas ĝi.
Mevo estas birdo,
mevo estas birdo.
Birdo, jes, birdo, jes.

***Bruna* tablo**, *bruna* tablo
Estas ĝi, estas ĝi.
Tablo estas meblo,
tablo estas meblo.
Meblo, jes, meblo, jes.

***Griza* salmo**, *griza* salmo
Estas ĝi, estas ĝi.
Salmo estas fiŝo,
salmo estas fiŝo.
Fiŝo, jes, fiŝo, jes.

José J.Campos PACHECO, Kubo

# KARUSELAJ ĈEVALETOJ

Supren-iras kaj malsupreniras, malsupreniras kaj supreniras la infanoj, kiuj rajdas sur la lignaj ĉevaletoj. Rajdante la geknaboj sin turnas, turnegas kaj ŝajnas, ke ili neniam laciĝas ĝoj-krii en la belega karuselo.

Oni rakontas, ke tiu aparato estis inventita antaŭ multaj jaroj en Francio, kie oni nomis ĝin *"carrousel"*. Poste ĝi aperis en Hispanio kaj tie ĝi estas nomata *"tiovivo"* aŭ *"calesita"*. (*Calesita* oni nomas ĝin ankaŭ en kelkaj landoj de Sud-Ameriko.)

Antaŭe oni movis ĝin per vivantaj ĉevaloj, kiuj rond-iris kun okuloj benditaj. Nun la karuseloj estas movataj per elektraj motoroj kaj sam-tempe oni disaŭdigas belegajn kanzonojn.

Funkcias karuselo en preskaŭ ĉiuj amuzaj parkoj de la mondo. Ili havas ne nur lignajn ĉevaletojn, sed ankaŭ aliajn bestetojn kiel ekzemple kapretojn, anasetojn, elefantetojn... aŭ ĉaretojn, aviadiletojn, motorcikletojn kaj spac-veturiletojn.

Kelkaj karuseloj havas multajn ornamaĵojn, lampetojn kaj kolorajn flagetojn. Kelkaj el ili estas kovritaj per tendo kiel cirkoj kaj vere, tiele ili ŝajnas pli amuzaj kaj gajaj. Rigardu, kiel feliĉaj la infanoj rajdas sur la lignaj ĉevaletoj.



***inventi:*** **elpensi ion novan /** ***kanzono:*** **laŭ-moda kanto /** ***karuselo:*** **porinfana amuzilo kun lignaj ĉevaletoj, aŭtomobiletoj kaj aliaj, kiuj rond-iras (vidu la bildon).**

# LA UNUA ETAĜO

ETAĜO

**Redaktas: Monika MOLNÁR**

*Ĉu vi rimarkis? Ni havas novan rubrikestron por etaĝuloj. Akceptu ŝin kun tut-kora amo!*

N-ro 01375

## LOTERIO

Dum karnavalaj festoj ofte okazas ankaŭ loterio. Ĉu vi ŝatas ĝin? Ĉu vi ŝatas gajni belan donacon? Jen via donaceto de nia loterio! Ĉu vi ŝatus scii, kio estas en ĝi? Se vi atente legas la sekvajn frazojn, vi povas diveni tion! Se vi sukcesis, desegnu ĝin en la apuda kvadrato!



Ĝi estas lud-besto.
Ĝi estas longa.
Ofte ĝi estas
verda, kaj diras:
"Sssssssssss"

?

**Jen!**

*frazo:* kunaĵo da vortoj kun punkto (plej ofte) ĉe la fino / *karnavalo:* sezono por amuziĝo / *loterio:* gajn-bileto / *rubriko:* aparta parto de gazeto por komencantoj, gepatroj, sportistoj aŭ infanoj, kiel ĉi tiuj paĝoj, ekzemple.

Proksimiĝas karnavalo, kaj ĝi estas gaja kaj mult-kolora festo. Ankaŭ niaj papagoj preparas sin al la granda festo, sed ili bezonas vian helpon! Kiom da divers-koloraj papagoj vi sukcesas fari per la sekvaj tri koloroj?

Mi sukcesas fari ☐ papagojn.

Montru tion, kaj kolorigu la papagojn!




# KARNAVALO



*Ĉu vi sukcesis? Gratulon!*

# LA DUA ETAĜO

*Venu En Nian Duan Etaĝon*

## Jen la unua kruc-vortenigmo de Hajnal MacGill

Saluton! Mi estas dek-jara leganto. Mi verkis por *Juna Amiko* mian unuan krucvort-enigmon. Mi mem entajpis ĝin. Sendu viajn solvojn al la redaktoro, eble vi gajnos premion! Ankaŭ vi verku enigmon!




### HORIZONTALAJ INDIKOJ:

1. Besto, kiu ridas
3. Post post-tagmezo
8. Malgrandan
9. Ŝatata manĝaĵo de kuniklo
11. Ĉarma akvo-birdo, kiu kvakas, havas flavajn idojn
12. Hararo de ŝafo
14. Tra tio oni eniras domon
16. Valora metal'
17. La loĝ-lok' de ni ĉiuj
19. Demando-vorto pri objekto

### VERTIKALAJ INDIKOJ:

2. La lingvo, kiun vi nun legas
4. Portebla ŝtuparo
5. En festo devas esti bona ...
6. Besto simila al muso
7. Sufikso por difini frakcion
10. Virina nomo
13. Malsudo
15. Malricevi
18. Nombro

### *PIED-NOTOJ DE LA DUA ETAĜO*

*frakcio:* nombro malpli ol unu / *horizontala:* — / *indiko:* sciigo, grava informo / *kuniklo:* malsovaĝa hejm-besto kun tre longaj oreloj, tre simila al kampara frato: leporo / *kvaki:* bleki kiel ansero-simila akvo-birdo / *muso:* tre malgranda griza mam-besto / *specio:* proksima parenco en biologio / *sufikso:* vort-fina vort-farilo / *tajpi:* maŝin-skribi / *vertikala:* | .

*Karina MACGILL*

Ĉu vi iam ajn aŭdis pri specio de ĝirafo, kiu ne havas tre longan kolon? La plen-kreskaj bestoj estas altaj je nur 150 ĝis 170 centimetroj. Krome, iliaj haŭtoj ne estas plenaj je makuloj. Tiuj ekzistas kaj nomiĝas okapioj.

Ili estas arbaraj ĝirafoj kaj vivas ĉefe en la pluv-arbaroj de Kongo, meze de Afriko. Ili vivas solaj, ne en grupoj. Ĉiu besto bezonas plurajn kvadratajn kilometrojn da pluv-arbaro. Sekve, estas malmultaj okapioj, kaj ili estas protektata specio.



Ili havas fortajn langojn por forŝiri kaj manĝi branĉetojn de arboj.

Ili promenas en la arbaro laŭ konataj, antaŭe uzitaj vojoj.

Antaŭ dek milionoj da jaroj, la pra-formo de okapio estis ofte trovebla besto, vivinta en Eŭropo kaj Azio.

## ĈIO INTERESA PRI
# OKAPIO

La okcidenta mondo eksciis pri la ekzisto de ĉi tiu besto nur en 1901. Unu okapio estis transportita en 1919 al eŭropa besto-ĝardeno, sed ĝi mortis ene de 15 tagoj. La unua sukcesa nasko de okapio en bestoĝardeno okazis en Parizo en 1956. Nun-tempe okapioj vivas en pluraj bestoĝardenoj de Eŭropo: Antverpeno, Bazelo, Frankfurto kaj Parizo.

Tomaso kaj Lopez forlasis la lernejon je la tria, kiel kutime. Same kutima estis la pezo de iliaj tornistroj. Ili prave plendas pri la peza ŝarĝo de siaj lerniloj kaj hejm-taskoj. Por sin konsoli, la knaboj eniris vendejon por aĉeti ĉokoladon.

Apud la kaso, alta virino vokis al ili el portempa budo: "Knaboj! Venu ĉi tien. Provu ĉi tiun novan bon-gustan trinkaĵon '**Porĉio**'. Ĉu vi jam aŭdis pri ĝi?"

"Ne," respondis Tomaso. "Kiu gusto estas?"

"Tiu de frambo," ŝi respondis kaj donis al ili el la bobelanta ruĝa likvaĵo. La knaboj trinkis ĝin, kaj dube rigardis unu al la alia.




"Nu, kiel ĝi plaĉis?" demandis la sinjorino.

"Strange. Iom metale," diris Lopez.

"Plumbe, ne frambe," aldonis Tomaso.

"Perfekte!" malice ridis al si mem la virino.

La knaboj eliris el la vendejo, sen rimarki, ke la ridinta virino forlasis sian budon kaj sekrete eksekvis ilin.

"Ho, kioma nun?" demandis Lopez, dum ili preteriris konstru-terenon.

"Estas la tria kaj tridek kvin minutoj. Kial?"

"Mi promesis renkonti Panjon ĉe la bus-haltejo je la tria kaj duono."

"Do, ni devos rapidi. Ni atingos vian patrinon pli rapide, se ni trairos la tunelon de la konstru-kompanio," diris Tomaso. La lernantoj sciis, ke oni ne rajtas trairi la tunelon ĝis ĝi estos finita, sed ili jam uzis ĝin por pli rapide veni al la haltejo. La infanoj eniris, do, la tunelan mallumon. La ombra sinjorino subaŭskultis ilin kaj kun malica rido ŝi murmuris al si mem:

"Nun ni ekscios por kio utilas 'Porĉio'!"

---

Kati kaj Riko jam revenis de la lernejo kaj nun iras kun la hundeto Bozo al la parko. Pasante preter la bus-haltejo, ili salutis sinjorinon Van Grande. "Saluton, infanoj!" ŝi respondis.

"Mankas al mi Lopez. Li malfruas. Ĉu vi vidis lin?"

"Ne. Li kutime venas hejmen kun Tomaso, ne kun ni. Ni iras al la parko. Se ni vidos lin, ni sendos lin al vi."

Subite, Lopez krias al Kati kaj Riko: "Rapide! Venu! Helpu! Io terura okazis al Tomaso!"

Ili timeme eniras la tunelon. Lopez klarigas al la knabinoj: "Li subite falis. Mi tute ne povis lin levi."

"Huu! Nek mi! Li pezas tunon!" diras Kati al la ceteraj.

Kati kaj Riko restis kun Tomaso dum Lopez kuris al la bushaltejo kun Bozo bojanta kaj kuranta post li. Li klarigis al la panjo, kio okazis. Ŝi tuj prenis sian poŝ-telefonon kaj vokis la ambulancan servon.

"La ambulanco venis post dudek minutoj," rakontis Kati, "sed ili ne povis levi la tornistron for de Tomaso. Ili donis injekton kontraŭ doloro, ĉar al Tomaso rompiĝis kruro. Kaj ili devis voki la policon kaj la fajro-brigadon por liberigi lin el sub lia lerneja dorso-sako!"

Pasis unu horo post la akcidento. Riko kaj Kati rakontas ĉion al la amikino Mira, kiu estas privata detektivo. Ili sidas en ŝia oficejo.

"Imagu! La fajrobrigado devis venigi fortan gruon por levi la tornistron for de Tomaso. Kaj tiu levilo montris, ke la tornistro pezis pli ol tricent kilogramojn!"

"Tricent?!" miris Mira. "Kvar aŭ kvinoble pli ol la pezo de Tomaso mem! Li ne povus levi ĝin!"

"Mi diris, ke la sako estis kvazaŭ plena je oro – aŭ plumbo."

"Eĉ tiu-kaze, ĝi ne povus pezi 300 kilogramojn! Kiom granda ĝi estas?" demandis Mira.

Kati desegnis ĝian grandecon en la aero; tion de normala lerneja tornistro.

"Kio estis en ĝi?"

"Nur ordinaraj libroj."

"Nu," diris Mira malfermante dosieron, "jen nova mistero por ni!"

*Stefan MACGILL, Hungario*

FINO DE LA UNUA PARTO

*ambulanco:* veturilo por transporti malsanulojn / *bobelo:* aer-veziketo / *brigado:* kunlaborantaro / *budo:* ejeto el ligno aŭ malpeza materio / *detektivo:* kaŝ-policisto / *dosiero:* kolekto de notoj, dokumentoj / *frambo:* dolĉa, suko-plena ruĝa frukteto / *gruo:* lev-maŝino kun oblikva brako / *injekto:* likva kuracilo enigita en la korpon per nadlo / *kaso:* pagejo en vendejo / *kompanio:* kuniĝo de personoj por direkti entreprenon / *likva:* flueca / *malica:* malbon-farema / *mistero:* mirakla okazaĵo / *plago:* punego plej ofte ĉiela / *plumbo:* pezega griza metalo (Pb) / *tereno:* terspaco / *tornistro:* dorso-sako / *tuno:* mil kilogramoj / *tunelo:* tubo-forma longa trairejo.

# humuro

## Ŝparemo antaŭ ĉio



Skoto estas ekskursonta kun la filo. La edzino diras al la edzo elironta:

– Ne forgesu, mia kara, depreni la okul-vitrojn de la infano,kiam nenio estas vidinda.

*skoto:* eŭropa popolo, en ŝercoj simbolo de troa ŝparemo.

# enigmo

de Dieter BERNDT, Germanio




**Por veni al nova vorto ĉiam aldonu unu novan literon al la antaŭa vorto, ekde numero 8, male, ĉiam forprenu unu.**

**1**. Gramatika finaĵo
**2**. Persona pronomo
**3**. Malviro
**4**. Fluaĵo por skribi
**5**. Preĝeja bildo
**6**. Japana vestaĵo
**7**. Ŝarĝ-aŭto
**8**. Parto de vestaĵo
**9**. Kamarado
**10**. Tabel-vorto
**11**. Kore ŝati
**12**. Persona pronomo
**13**. Gramatika finaĵo

***Sendu viajn solvojn al la redakcio (adreso sur paĝo 27) ĝis la 1a de majo.***

# Barbara scias ion



Ŝi rakontas, ke en la jaro 1948 oni legis al ŝi la testamenton de ŝia onklo, kiun li skribis dudek jarojn pli frue. Ĝi tekstis proksimume jene:

*"10 jarojn post la la unua mond-milito, havante plenajn mensajn kapablojn, mi deklaras, ke ĉiujn miajn moveblajn kaj nemoveblajn havaĵon mi testamentas al mia nevo (nomo, adreso, ktp.)."*

Datita en Vieno, la 10an de julio 1928. Subskriboj de la onklo kaj la atestantoj.

Estas superflue diri, ke aŭdinte la tekston, mi tuj sciis, ke la testamento estas falsa!

Kio atestas pri tio?

*Elizabeta Rajtmár*
*Hungario*

*SOLVO sur paĝo 23.*

**ENIGMO** – ***pronomo:*** **vorto uzata anstataŭ alia, kiel ekzemple: mi, vi, anstataŭ mia, via plena nomo**
**BARBARA SCIAS ION** – ***falsa:*** **malvera /** ***testamento:*** **atestilo pri heredaĵo.**

## REKORDOJ DE BIRDOJ

Sur nia Tero vivas pli ol **8600** specioj de birdoj, ekde la plej malgranda **kolibro*** ĝis la Afrika **struto***, kiu povas esti ĝis tri metrojn alta kaj pezi 150 kilogramojn. Eble pro tio ĝi ne sci-povas flugi. Tiom pli kuri. Facile ĝi atingas 50 kilometrojn hore (km/h).Ankaŭ aliaj birdoj ne sci-povas flugi – ekzemple **pingveno***. Ankaŭ kuri ĝi povas nur malfacile. Sed en akvo estas alie. Pingvenoj havas rekordon pri subakviĝo. Iu el ili atingis ĝis profundo de 265 metroj. Ankaŭ en aero birdoj atingas rekordojn. Iuj specioj de **nizoj*** atingas flug-alton de pli ol 11 km. Plej aĝa inter la birdoj, tre verŝajne, fariĝas **kakatuo***. Ĝi vivas ĝis 100 jarojn. Pri **strigoj***, ĉefe en fabeloj, oni diras, ke ili estas tre saĝaj. Tio plej verŝajne estas pro tio, ke ili havas ekster-ordinare grandajn okulojn, per kiuj ili povas bone vidi eĉ dum mallumo.



*fendaĵo:* mallarĝa malplenaĵo / *oksigeno:* kemia elemento (O) / *palpebro:* haŭto, kiu kovras okulon / *rekordo:* la plej bona rezulto / *specio:* grupo de sam-formaj kaj samdevenaj bestoj / * nomo de birdo.

# INTERESAĴOJ

## Ĉu la fiŝoj dormas?

*La respondo estas tute simpla: jes, eĉ se oni tion ne rimarkas. Ili ja ne havas palpebrojn kiel la homo. Multaj fiŝoj pasigas grandan parton de la tago en ia ripoz-stato. Kelkaj serĉas por tio iun silentan lokon kaj kaŝas sin en truoj aŭ rok-fendaĵoj. Pluraj riveraj fiŝoj ripozas sur kreskaĵoj aŭ la fundo de rivero kaj povas por tiu tempo ŝanĝi sian koloron por esti pli malfacile videblaj. Iuj subakviĝistoj rakontas, ke dum tiu ĉi ripozstato oni povas iujn fiŝojn eĉ tuŝi sen veki ilin. Fiŝoj – kiuj vivas en maro – male, devas dum la ripozo malrapide plu-naĝi, por enspiri sufiĉe da oksigeno.*



# Kiu estas la plej grava?

**Fabelo el Kaŭkazio**

Okazis iam, antaŭ longega tempo. Tiam la okuloj, oreloj, manoj, piedoj kaj lango komencis disputi pri tio, kiu el ili estas la plej grava por la homo.



*"Ho, amikoj, vi povas diri kion ajn vi volas sed, por la homo, estas ni, tute klare, la plej gravaj. Sen ni li ne povus ekzisti. Sen ni li povus vidi nenion pri la vasta mondo; nek la altajn montojn, nek la senfinajn vastecojn de la ebenaĵoj. Sen ni la homo estus tute malfeliĉa. Se oni ne povas vidi la belecon de la mondo, estas kvazaŭ oni kuŝus en malhela fosaĵo. Ho, fratoj, se ne estus ni, oni devus la homon preni ĉe la mano por konduki lin tra la vivo. Do, ni estas el ĉiuj la plej gravaj, nin bezonas la homo plej multe kaj tial vi ĉiuj devas obei nin"*, diris la okuloj.

Sed la oreloj ne konsentis. Ili komencis laŭte kriadi: *"Ĉesu kun tiuj stultaĵoj! Kiel longe ni devas ankoraŭ aŭskulti tion?! Estus pli bone, se vi pripensus, kio okazus al la homoj, se ne estus ni. Ni komprenas ĉion, ni aŭdas ĉion. Ni aŭdas, ĉu oni parolas bone pri la homo aŭ malbone. Se oni laŭdas lin, ni ĝojigas lin, se oni buŝ-atakas lin, ni avertas lin. Do, la homo nin bezonas plej multe. Ni estas la plej gravaj!"*



Sed la okuloj ne volis esti venk'itaj. *"La veron vidas sole la okuloj. Sed tio, kion la oreloj aŭdas, estas nur la duona vero. La homoj ja diras: «unu-foje vidi estas pli bone ol tri-foje aŭdi»."*



La lango ne povis plu silenti. *"Ho, amikoj, ĉu la homo eble povus vivi sen parolo? La popolo estas saĝa kaj diras: «vundo, kaŭzita de sabro resaniĝos — vundo, farita per vortoj, resaniĝos neniam». Krom tio oni ankaŭ diras: «bona, tenera vorto eltiras eĉ serpenton el ĝia nesto». Mi diras, sen la lango la homo travivus eĉ ne unu tagon. Kiel li povus paroli pri sia amo,*

*esprimi sian malamon, se ne estus mi? Do, mi estas la plej grava, mi estas la reĝo."*



Nun komencis protesti la manoj: *"Ĉu ne estas ni, kiuj donas al la homo manĝaĵon kaj trinkaĵon? Sen ni li neniam povus travivi, ni estas la plej gravaj. Nin vi ĉiuj devas obei!"*



Nun longe disputadis la manoj kaj la piedoj, senfine disputis ankaŭ la aliaj. Nur la kapo aŭskultadis silente. Finfine ankaŭ ĝi ekprenis la vorton: *"Miaj karaj, vi pravas kaj ankaŭ malpravas. Ekzistas nenio, kion la homo ne bezonus. Li bezonas kaj piedojn, manojn, okulojn kaj ankaŭ orelojn kaj langon. Lasu nin vivi en paco kaj finu la disputon. Sed se vi ne kredas al miaj vortoj, do provu vivi, ĉiu por si mem kaj atendu la rezulton."*

Ili akceptis la proponon de la kapo. Ekde nun ĉiu provis agi por si mem. Sed tio ne sukcesis. Ĉiu el ili fartis malbone sen la aliaj. Ili ne plu eltenis tion. Fine, ili kunvenis kaj diris: *"Vi, kapo, vi estas pli saĝa ol ni ĉiuj kune. Vi pensas por ni ĉiuj kaj direktas nin. Kaj ĉar vi estas el ni la plej grava kaj la homo vin bezonas plej multe, vi estu nia ĉefo. Ni obeos vin!"*

Tiel finiĝis la disputo kaj ĉiuj estis kontentaj. De tiam vivas la manoj, piedoj, okuloj, oreloj kaj la lango en harmonio kaj paco. Kaj de tiam – sen ajnaj kontraŭdiroj – ilia ĉefo estas la kapo.

Tradukis: *Dieter BERNDT*, Germanio

*disputi:* mal-pace diskuti / *harmonio:* ĝusta aranĝo de diversaj ecoj / *Kaŭkazio:* montara regiono en sudo de Rusio / *propono:* konsilon realigindan / *sabro:* longa armilo kun unu-tranĉa klingo / *stulta:* malsaĝa / *tenera:* montranta dolĉecon kaj varmecon.

## *PROVERBOJ*

*Okulon pro okulo, denton pro dento.*
*Antaŭ tima okulo potenciĝas eĉ kulo.*
*Kiu volas panon, ne dorlotu la manon.*
*Ne kredu al orelo, kredu al okulo.*
*Mano manon lavas.*
*Kion koro sentas, lango prezentas.*
*Mano dekstra ne sciu, kion faras la maldekstra.*

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto,* ***Baldur RAGNARSSON****. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

# 19 *Gaston WARINGHIEN (1901-1991)*

Se mi devus mencii unu libron, kiun mi opinias la plej necesa laborilo por ĉiu esperantisto, ĉu studanto, ĉu spertulo, mi ne longe pripensus: *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto,* aŭ pli simple PIV. Ĝia antaŭ-irinto aŭ prototipo *Plena Vortaro de Esperanto* unue aperis en 1930 kaj poste mult-foje (entute naŭ eldonoj). Multaj homoj kunlaboris pri tiuj vortaroj, sed ekde la komenco la homo, kiun mi nun mallonge prezentas al vi, *Gaston Waringhien,* fariĝis la ĉefa prizorganto de tiu grandega laboro, kiu interalie konsistis en kostanta reviziado kaj pliampleksigo. PIV aperis kun lia ĉefredaktoreco en tri eldonoj, sed la ĵus pasintan jaron, 11 jarojn post lia forpaso, ĝi aperis denove, reviziita kaj pliampleksigita sub la ĉefredaktado de alia franca esperantisto, *M. Duc Goninaz.* Esperanto, kiel aliaj lingvoj daŭre evoluas, kaj tio necesigas konstantan laboron por aktualigi niajn vortarojn. Por multaj esperantistoj *Waringhien* estas **La Vortaristo**.

BILDOJ EL LA HISTORIO

Konsiderante lian gigantan laboron sur tiu kampo, li certe meritas tian distingon. Sed li distingis sin ne malpli sur aliaj kampoj. Li estis elstara gramatikisto kaj verkis kun *Kálmán Kalocsay* (vidu Juna Amiko, n-ro 95) *Plenan Analizan Gramatikon de Esperanto,* pli simple *PAG.* Jam de multaj jaroj tiuj du grandiozaj verkoj, PIV kaj PAG, staras flank-ĉe-flanke sur mia skribo-tablo kiel, certe tiel same, ĉe multaj aliaj esperantistoj dise tra la mondo. Mi rigardas ilin kun humilo kaj miro, admiro kaj dankemo.

Sed Waringhien estis ankaŭ poeto kaj poetikisto. Li verkis, ankaŭ kun Kalocsay, gvid-libron por poetoj, nomitan *Parnasa gvidlibro*.

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

Kiel poeto li verkis sub la kaŝ-nomo *G. E. Maŭra* la poemaron *Duonvoĉe.* Li vaste tradukis el la franca poezio. Li estis elstara kultur-analizanto kaj liaj erudiciaj eseoj plenigas multajn librojn. Kaj dum jardekoj li estis prezidanto de la *Akademio de Esperanto.*

Sed ne havas multan sencon eĉ ekprovi listigi la verkojn de Gaston Waringhien. Li estas tuta mondo per si mem. Ne estas troigo aserti, ke malfacile troveblas homoj dum la 20a jarcento, kiuj tiom multe kaj grave kontribuis al nia lingvo kaj ĝia kultura esprimado kiel Gaston Waringhien.

De 1955 ĝis 1962 aperis regule grava literatura revuo, *La nica literatura revuo*, sub redaktado de Waringhien. Tiam ĵus ekaperis la revuo *Norda Prismo* sub redaktado de *F. Szilágyi* (vidu JA, n-ro 101) en Svedujo. Kvankam tiuj du kulturaj revuoj havis grandparte similajn celojn, ili tamen diferencis inter si. *Norda Prismo* havis pli popularan tonon, *Nica literatura revuo* estis unua-vice alt-literatura. Waringhien aperigis kelkajn poemojn en tiu revuo sub sia kaŝnomo *G. E. Maŭra*, inter ili poemon titolitan *Apelacio.* Estas konstateble, ke li ne estis tute kontenta pri sia klasifiko kiel "polurita romantisto" laŭ Auld en la tiam ĵus aperinta *Esperanta Antologio. G. E. Maŭra* "febre" serĉas sian nomon en la libro:

*Mi foliumis, foliumis febre,*
*ĝis, ĉe paĝturno, kelkaj versoj feble*
*aŭdigis memoratan flustron...Kristo*
*Parnasa! - "Polurita Romantisto"*
*jen l' etiket' al mia nom' alkroĉa!*
*Nu, polurita, tio flatas fajne;*
*sed romantisto, vere! Ĉu verŝajne?*

Fakte, la afero ne estas tiel simpla koncerne la multfacetan personecon de Gaston Waringhien. Kiel la poeto G. E. Maŭra, li certe havis romantikan tendencon, tiel la klasifo de Auld estas sendube pravigebla. Sed Waringhien estis ankaŭ erudicia klasikisto, kiu alte respektis la stilojn, regulojn kaj konvenciojn de la antikvaj aŭtoroj, kiel ili aperis en la franca klasikismo en la 17a kaj 18a jarcento. Samtempe tion efikis

lia romantismo, kiu ofte nuancas liajn verkojn kaj tenis malfermita lian alireblon al la pli liberaj kampoj de la sentoj. Sed siajn vizitojn al tiuj kampoj li ŝajne preferis pli-malpli kaŝi, uzante pseŭdonimojn.

Mi nur unufoje havis la okazon paroli kun Gaston Waringhien, sed interŝanĝis kun li kelkajn leterojn. Mi tamen estas certa pri mia impreso: li apartenis al la plej ĝentilaj kaj senpretendaj homoj, kiujn mi renkontis dum mia vivo. Sed kiel malavara donanto de daŭre fidindaj valoroj al la esperantistoj li ne havis egalulon.

*analizi:* detale esplori / *eseo:* mallonga stud-verko / *erudicio:* multe-sciado pri detaloj / *heredi:* leĝe ricevi de antaŭulo / *humila:* mem-vole sin submetanta / *impreso:* influo sur la sentoj, spirito / *giganta:* grandega / *grandioza:* mirinde elstara, gravega / *nuanco:* tre malgrava diferenco / *Parnaso:* monto, loĝ-loko de la Muzoj / *polurita:* brile majstra / *prototipo:* unua-tempa modelo /*pseŭdonimo:* kaŝ-nomo.

*27 januaro 2003*

*Kara redaktoro,*

*vi petis min prezenti al viaj legantoj en kelkaj frazoj la hejmpaĝaron de **www.edukado.net** kaj tion mi volonte plenumas.*

*La ĵus unu-jara paĝaro celas servi la instruantojn de Esperanto kaj helpi ĉiujn, kiuj serĉas informojn pri lerniloj, kursoj, ekzamenoj, okazaĵoj pri edukado kaj lingvolernado.*

*Por tiuj legantoj de Juna Amiko, kiuj kutimas retumi, la paĝaro povas helpi, ekzemple, kiun lernilon aĉeti kaj studi, kiel pri ĝi opinias la uzantoj.*

*Mi proponas viziti ankaŭ la sekcion de RETLIGILOJ, kie troviĝas listo de multaj perkomputile elŝuteblaj aŭ koresponde sekveblaj lingvokursoj.*

*En la LERNILOTEKO ni enmetis jam pli ol 60 diversajn ekzercojn, taskojn, testojn (eĉ interaktivajn!) kun solvoj, kaj tiel ankaŭ memlernantoj povas plu progresi kaj amuziĝi. Se la legantoj volas scii, kie eblas sekvi internacian kurson, aŭ volas legi / publikigi edukcelajn anoncojn, ni eĉ por tiuj celoj havas rubrikon.*

*La supraj sekcioj estas nur la plej gravaj, jam funkciantaj eroj de la paĝaro. Ni esperas, ke printempe ĝi plue riĉiĝos kaj ke ĝi povos eĉ pli bone servi ĉiujn instruantojn kaj lernantojn de la internacia lingvo.*

*Mi atendas vian viziton. Venu , spertu kaj spertiĝu!*

*Katalin Kováts, la redaktoro de edukado.net*

**www.edukado.net**

**estas magiista bastono por E-kursgvidanto**

laŭ la opinio de la redakcio

## Stelulo de Tokio en 2002

# Barba foko



La 7an de aŭgusto en la rivero *Tama-gawa* en *Tokio* aperis barba foko, nomata *Tama-tyan* (Tamaĉo). Ĝi estas unu metron longa kaj ŝajne knabo. Amas-komunikiloj raportis pri ĝi tiel ofte, ke multaj homoj vizitis la riveron por vidi ĝin. Oficejo, kiu pri-zorgas la riveron, malfermis pri ĝi hejm-paĝon, kiu nombris pli ol 380 mil alirojn ĝis la 20a de aŭgusto. Ĝi restis en rivero *Tama-gawa* ĝis la 17a de aŭgusto, tamen pro la tajfuno ĝi malaperis, sed reaperis en najbara rivero *Turumi-gawa* la 25-an kaj restis tie ĝis la 30a. Poste, la 12an de septembro ĝi reaperis en rivero *Katabira-gawa* en urbo *Yokohama*, kaj la 15an en rivero *Ooka-gawa*. La 29an ĝi revenis al rivero *Katabira-gawa*.

Dume okazis tri esplor-kunsidoj pri la foko. Jen estas la konkludo de la sciencistoj:

Barbaj fokoj origine loĝas en la norda maro. Foje ili venas al nia norda insulo *Hokkaido*, tamen ili tre malofte venas suden ĝis *Golfo Tokio*. Nun ĝi loĝas en sensala akvo, sed supozeble tio ne gravas al ĝi. Ŝajnas, ke ĝi iom maldikiĝas, tamen ĝia san-stato estas normala. La akvo-kvalito de tiuj riveroj ne estas tre bona, pro tio ĝi translokiĝas de tempo al tempo. Por kapti ĝin, oni devus prepari mal-simplan operacion, kiu povus ĝin paniki kaj vundi. Estas pli bone lasi ĝin kaj esperi ĝian mem-volan revenon al la maro.

Ekde ĝia apero en *Tokio*, ĝi estas tre populara. Kial? Unue, ĝi estas aminda. Due, por televido ĝi estas tre oportuna objekto. En somero ĝenerale mankas taŭgaj novaĵoj. Ĝia apero kaj malapero jen en tiu, jen en alia rivero trankviligas aŭ maltrankviligas la televidantojn. Ĝi estas tiel aminda, ke oni emas pensi pri ĝi kiel pri sia dorlot-besto. Trie, ĝi lum'igas la malluman japanan socion. Nun estas malfacile trovi gajajn temojn en nia socio. Laŭ la river-bordo troviĝas multaj spektantoj kun perditaj iluzioj. Unu el tiaj viroj diris: "Ĝi venis sola el la fora norda maro. Ankaŭ mi estas sola. Kiam mi vidas ĝian vizaĝon, mi forgesas mian solecon portempe." Alia diris: "Ĝi havas amindajn okulojn. Okuloj de japanoj estas kvazaŭ mortaj. Ankaŭ la miaj."

Multaj nun volas forgesi sian realan vivon. *Tama-tyan* konsolas tiajn malfeliĉajn japanojn.

*Yasuo* H*ORI*, JAPANIO

*dorloti:* agi al iu kareseme, pardoneme / *iluzio:* ŝajn-revo / *konkludo:* fina sekvo de mult-flanka pri-pensado / *operacio:* uzo de diversaj rimedoj por veni al sukcesa solvo / *origine:* de-vene de / *paniko:* subita timego.



# Stephanie STRUNJAK

## nia 13-jara STELULINO

Por ŝi la fino de la jaro 2002 portis sukceson post sukceso. La 11an de novembro Stephanie ricevis la *ĉef-premion de la Tutmonda Fabel-konkurso* (vidu paĝon 5). Ŝi ne povis vojaĝi al Nordio, venis, do, al Kroatio la finna *Julavo (Avo Frosto),* por persone transdoni al ŝi la premion la 6an de Decembro, en la tago de Sankta Nikolao, sur la *ĉefplaco de Zagrebo* en la ĉeesto de 20000 homoj, kadre de granda muzika kaj danca spektaklo, kiun dissendis ankaŭ la televido. Aperis pri ŝi duon-paĝa intervjuo en la plej granda kroata ĵurnalo *Veĉernji List.* La *Kroata Radio* elsendis pri ŝi longan intervjuon en porinfana programo. Same faris la *Kroata Televido.*

La kronon surmetis ĵurnalo *Jutarnji List* (27 decembro), kies plej multaj legantoj elektis ŝin ***"Zagrebanino de la jaro 2002".***

Kara Stephanie, ankceptu ankaŭ nian tutkoran gratulon!!!

**PARTOPRENU EN INTERNACIA EKSPOZICIO DE**

## *INFANAJ DESEGNAĴOJ!*



*En 2004 la Esperanto-Centro de Angers (Francio) festos la 100-jariĝon de sia ekzisto. Okaze de tiu jubileo, niaj Angers-aj amikoj sub oficiala patronado antaŭvidas diversajn aktivaĵojn, inter-alie, INTERNACIAN EKSPOZICION DE INFANAJ DESEGNAĴOJ pri la temo "Daŭra disvolviĝo" (natur-protektado, lukto por puraj aero kaj akvo, kontraŭ polucio; sun-energio, biokulturo, protektado de la sano, ktp.)*

*Minimuma formato – A4. Tekniko – libere elektebla. La plej belaj desegnoj estos premiitaj. Lernejaj kolektivoj povos antaŭvidi interŝanĝon de verkoj kun francaj ge-knaboj.*

*Kategorioj por la partoprenantoj:*

***A** – ĝis 7-jaraĝa*
***B** – 8-10-jaraĝa*
***C** – 11-14-jaraĝa*

*La desegnaĵojn sendu ĝis la 31a de decembro 2003 al: Esperanto-Centro, s-ro André Franguel, 6 rue du Buis, FR-49000 Angers, Francio.*

*Ret-informojn petu de*

**<bertrand-gilet @wanadoo.fr>**

*(Atentu! Ĉiu verko surhavu la legeblajn nomon kaj aĝon de la desegninto.)*

Jen bela libro por infanoj, verkita de *Nane Annan,* la edzino de la prezidanto de UN.

Sur ĉiu dua paĝo belega kolora bildo, apude interesa teksto por etuloj.

Eldonita de IZVORI / FONTOJ, Zagrebo, 2001. Informoj ĉe *<izvori@izvori.com>*




## SOLVOJ

- *Barbara scias ion (p. 14)*

En la jaro 1928 (dek jarojn post la mondmilito) neniu, inkluzive la onklon, povis konjekti, ke post 11 jaroj sekvos alia mondmilito, kiu ricevos la epiteton "dua", kaj la 1914-18a estos nomata la "unua". Sekve la testamento estis skribita multe pli malfrue, post la morto de la onklo.

- *Matematikle (4/02, p. 8)*

Jen la plenaj nomoj: *Haver Dikt, Jan Ombre, Jens Umig, Klas Areg, Laci Ferdon, Lev De Kart, Mia Juĝ, Pers Prit, Seve Rataks*

- *AŬ -finaj vortoj (3/02, p. 28)*

Seneraran solvon sendis al ni el Rumanio *Eugenia-Ekaterina Popoviciu.* Gratulon!

*Fariĝu*

## *PATRONO*

*(SAVANTO)*

### *de JUNA AMIKO!*

***Helpu al ni, kara amiko, amikino. La sorto de nia revuo estas en viaj manoj. Pro ekonomiaj problemoj Brazilo, kie loĝas la triono de niaj legantoj, multaj ne povas aboni nian revuon.***

***Por savi nin, helpu al ni varbi almenaŭ unu novan abonanton el inter viaj en- aŭ eksterlandaj geamikoj.***

***Aŭ se vi havas eblon, abonu por malriĉaj Afrikanoj, Azianoj, Latinamerikanoj kaj al aliaj, kiuj mem ne povas elspezi por Juna Amiko.***

*Se vi informos la redaktoron (adresoj sur paĝo 27) ke vi sukcese varbis aŭ abonis por aliaj, via nomo aperos en nia hejm-paĝo en la listo PATRONOJ.*

***Helpu, ni petas!***

**Abontarifoj de Juna Amiko por la jaro 2003-04**

| | EUR /USD | 2–4 ekz. | Ekde 5 ekz. | Prioritate |
|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 12 | po 8 | po 6 | +30 % |
| Tarifo 2 | 6 | po 5 | po 4 | +30 % |
| Hungario | 800 HUF | 650 HUF | 500 HUF | — |

# KVIZOLUDO POR VIA PLEZURO

*Por resti sana, manĝu pizon; por perfektiĝi, solvu kvizon!*

## REGULARO POR 2003

- La kvizoludo konsistas el kvar turniroj, sed eblas partopreni en nur unu, du aŭ tri turniroj, laŭ-plaĉe.
- Konkursantoj povas partopreni individue (I) aŭ grupe (G). (Grupo elektu por si mallongan nomon.)
- La konkursonto mem elektas por si kategorion laŭ sia lingva nivelo: *baza (B), meza (M), supera (S)* kaj dum la jaro li/ŝi ne rajtas ĝin ŝanĝi.
- Ĉiu konkursanto, sendepende de sia kategorio, solvas la samajn taskojn.*
- Solvojn sendu rete aŭ papere ĝis la limdato.
- La gajnintoj de ĉiuj kategorioj estos premiitaj per jar-abono de nia revuo por 2004.
- La ĝustaj solvoj kun la nomoj de la plej bonaj solvintoj aperas en la sekva n-ro de Juna Amiko kaj en ĝia hejm-paĝo *(www. junaamiko.inf.hu)*, kie vi trovas, cetere, pliajn informojn kaj plenajn listojn.

**Ne forgesu!**

Ĉiu kvizosolvo surhavu la legeblan **nomon** de la konkursanto(j), la **kodon** de ties hejm-lando (DE,JP,HR...), la **manieron**: individue (I) aŭ grupe (G) kaj la **kategorion**: B,M,S.
Ekzemple:

*Marina Milković (HR) I / M*

* Tamen, se S-ano ne solvas aŭ missolvas tasko(j)n por B-anoj (1-5 taskoj) li/ŝi/ĝi perdas po 1 poenton; male, se B-ano solvas tasko(j)n de S-anoj (la lastaj 5 aŭ 6 taskoj) li/ŝi/ĝi gajnas po 1 poenton (sed la fina sumo ne povas superi 30 poentojn.)




## Fina rezulto de la jaro 2002

**1a kategorio:**

| | |
|---|---|
| **1. Milković, Ana; HR** | **95,5** |
| 2. *Tunjić, Monika; HR* | *94,5* |
| 3. *Tauriainen, Kirsi; FI* | *64,0* |

**2a kategorio:**

| | |
|---|---|
| **1. Čajić, Samanta; HR** | **107,0** |
| **Milković, Marina; HR** | |
| 2. Bekavac, Ivana; HR | 100,5 |
| 3. Ilinić, Petra; HR | 99,5 |

**3a kategorio:**

| | |
|---|---|
| **1. Molnár, Maria; HU** | **114,0** |
| 2. Efremova, Lenče; MK | 110,5 |
| 3. Akik, Svijetlana; HR | 107,0 |

***Gratulojn al ĉiuj!***

**Infanoj, formu kvizo-klubojn (2-5-personajn) kaj solvu la kvizojn kolektive!** *(Vidu nian antaŭan n-ron, 4/02, p.18)*

| N-ro 1 | 14-a KONKURSO-JARO | Lim-dato: 1.V.2003 |
|---|---|---|
| 1 | Nomu ses korpo-partojn, sed ĉiu komenciĝu per malsama litero! | 3 poentoj |
| 2 | Hundo bojas. Sed kiu besto beas, henas, gruntas? | 3 poentoj |
| 3 | Daŭrigu ĉiun frazon per almenaŭ 5 vortoj!<br>*Mia amiko…* *En staci-domo…* | 3 poentoj |
| 4 | Kun *"s"* manĝaĵo en-telera, kun *"l"* besto eĉ danĝera. | 3 poentoj |
| 5 | Kiu artikolo plaĉis al vi plej multe en tiu ĉi n-ro de Juna Amiko? | 3 poentoj |
| 6 | Decidu, ĉu *ĵus* aŭ *ĝuste*! *a)* … ŝi estas mia nova amikino.<br>*b)* … pri tio mi … informis vin. *c)* Mia patro … foriris. | 3 poentoj |
| 7 | Skribu frazon, en kiu ĉiuj vortoj (almenaŭ 6) komenciĝas per K! | 3 poentoj |
| 8 | En kiuj landoj naskiĝis jenaj famaj esperantistoj?<br>*A. Grabowski, E. Privat, K. Kalocsay, I. Lapenna, G. Waringhien* | 5 poentoj |
| 9 | Ŝerca demando: Kiaj ŝtonoj estas plej multaj en la rivero Elbo? | 2 poentoj |
| 10 | Ĉi-foje onklo Longbarbul rakontis jenon: "Jes, kredu al mi. Elefan-toj manĝas kristnaskajn arbojn. En grandaj urboj post la festo oni kolektas la arbojn kaj en zoo-ĝardenoj oni donas ilin al elefantoj por manĝi." Ĉu vero aŭ mensogo? | 2 poentoj |

La solvojn sendu al *Dieter Berndt, Berolinastr. 2, D-10178 Berlin, Germanio*
Retadreso: *<dieter.berndt@berlin.de>*

*Ne restu la solvo ĉe vi sur papero,* ⇧ *sendu ĝin tuj al nia supra adreso!*

# SOLVOJ de n-ro 4/02 (p.19)

**1.** La plej malvarma sezono de la jaro. **2.** neĝ(ad)i, neĝo, neĝa, neĝero, neĝobulo, neĝohomo, Neĝulino… **3.** frosto **4.** skiado, glacihokeo, skisaltado, slalomado, glitkurado **5.** Ili dormas. **6.** *Neĝo kaŝas nur ĝis printempo.* **7.** (norda/alpa) leporo, (arkta) vulpo. **8.** blanka, freŝa, (mal)peza, (mal)mola, (mal)seka (mal)pura… **9.** Kristnasko, Silvestro-festo, Novjaro **10.** En la sveda. **11.** Aleksandr Sergejeviĉ Puŝkin

## *La plej lertaj solvintoj de la decembra numero*

*(Redaktis kaj korektis: Raita Pyhälä, Finnlando)*

***1a kategorio***

1. Dobran, Veronika; HU 27 p.

***2a kategorio***

1. Bekavac, Ivana; HR 28 p.
Čajić, Samanta; HR 28 p.
Milković, Marina; HR 28 p.
Ilinić, Petra; HR 28 p.

***3a kategorio***

1. Popoviciu, E-Ekaterina; RO 30 p.
Molnár, Maria; HU 30 p.

# VERDA PAĜO

FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ PRI ESPERANTO

*Tiu ĉi rubriko servas niajn novulojn. Oni ofte metas al ni demandojn, kiujn – pro manko de sufiĉaj spertoj – estas malfacile respondi, konvinke rebati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj argumentojn.*

## *Kial oni neglektas Esperanton?*

**Sci-volulo**: Pardonu, ĉefo! Ĉu vi havas tempon respondi gravan demandon?

**Ĉef-komputila moŝto**: Demandu, amiĉjo! Kio vin turmentas?

**S**: Sciu, ke antaŭ nelonge mi decidis lerni Esperanton.

**Ĉ**: Gratulon! Vi saĝe decidis.

**S**: Sed multaj diras al mi, ke Esperanto estas malsaĝaĵo.

**Ĉ**: Tian opinion povas formi al si nur personoj, kiuj ne konas la lingvon.

**S**: Sed, estimata ĉio-sciulo, ili ĉiuj estas instruitaj homoj.

**Ĉ**: La ŝajno trompas. Kion ili asertas?

**S**: Tion, ke Esperanto estas infanaĵo. La angla lingvo jam venkis.

**Ĉ**: Mi ripetas: la ŝajno trompas. Superregado de la angla elvokas envion aŭ proteston ĉe ĉiuj ali-lingvaj popoloj. Kreskas suspekto kontraŭ Usono, ĉu vi ne trovis?

**S**: Mi aŭdis. Sed se estas tiel kaj ne alie, kial do oni ne apogas nian justan solvon?! Jen mia demando.

**Ĉ**: Ĉar tio estas revolucie nova, malkutima solvo. Ĉu vi ne memoras, kiom da noblaj homoj devis suferi kruelajn atakojn dum la homa historio, simple pro tio, ke ili turnis sin kontraŭ la tradicia, rutina mondo? Pensu pri la ideoj de *Koperniko*, *Galileo*, *Kolumbo* aŭ *Darwin* ekzemple. Konsciu, do, plene pri la demokratieco de via ideo, pri tio, ke veran kaj justan solvon en la internacia komunikado povas, fine, estigi nur universala lingvo **neŭtrala**. Gravas, ne la subjektiva misopinio de la rutina mondo, manipulata de supre, sed tio, ke ĝis nun neniu scienca argumento povis diskreditigi ĝin.

*Realigado de granda nobla ideo por la homaro postulas grandan volforton*

**S**: Eĉ male. Mi scias, ke pluraj elstaraj pensuloj kaj lingvistoj apogis, bon-venigis ĝin. Inter ili oni trovas, ekzemple, *Comenius, Descartes, Leibniz, Lev Tolstoj, Umberto Eco.*

**Ĉ**: Jes, vi pravas. Ne laciĝu, do, Esperanto estas porluktinda, nobla ideo.

*argumento:* pruvilo / *aserti:* sen-hezite esprimi sian opinion / *diskreditigi:* ne-fidindigi / *kruela:* malmilda / *liveri:* porti, aligi / *manipuli:* trakti maljuste / *neglekti:* preter-atenti / *nobla:* bon-kora, helpema / *revolucio:* plena, ĝis-radika ŝanĝo / *rutina:* laŭ-kutima.

# KONKURSO POR INFANOJ

## *Kokino henas, ĉu ne ?!*

Ĉu vi aŭdis iam kokinon heni? Tio povas okazi nur en fabelo kaj en nia enigmo. Finfine, ĉiu scias, ke kato *miaŭas*, bovo *muĝas*.

Certe, ne estos por vi malfacile diri, kiel "blekas" la bestoj en Esperantujo sur la dorsa paĝo. Komencu per bleko 1 kaj trovu la "blekanton". Trovinte ĝin, vi vidos literon apud la bildo. Ĉi tiun literon skribu en la unuan kvadraton kaj, poste, povos pasi al bleko 2 por trovi la ĝustan bildon kun la litero, kiun skribu en la sekvan kvadraton. Daŭrigu tiel ĝis la lasta bleko. Kiam ĉiu bleko trovis sian bildo-paron, tiam ĉiu kvadrato havos sian literon. Ili donos nomon de besto.

Kaj tiam prenu viajn kolorajn krajonojn, desegnu tiun ĉi beston kaj sendu vian verkon al nia redaktoro ĝis la *1a de majo 2003*. Sur la koverto skribu: *"Kokino henas, ĉu ne?!"* La tri unuaj estos premiitaj per fabellibroj.

**juna amiko**

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

30a jaro, n-ro 1 (104), 2003

**Aperas 4 fojojn jare**

**Redaktoro:** ***Géza Kurucz*** **(Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario)**

**Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu**

**Vicredaktoro:** ***StefanMacGill*** **(retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**

Varba direktanto: *Zoran Ćirić, Branka Miljkovica 14, YU-18000 Niš, Serbio*

Retadreso: *zciric@eunet.yu*

**Administranto:** *Sándor Hideg*, Szendrey u. 19, HU-2016 Leányfalu, Hungario

Retadreso: **juna.amiko.adm@posta.net**

**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**

Lingva reviziANTO: *Baldur Ragnarsson* (Islando)

**Kunlaborantoj:** ***s-ino Raita Pyhälä, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki*** (Finnlando), ***Baldur Ragnarsson*** (Islando), ***Tatjana Auderskaja*** (Ukrainio), ***s-ino Jennifer Bishop*** (Aŭstralio), ***Zoran Ćirić, Jadranka Mirić*** (Serbio), ***s-ino Saranath*** (Hindio), ***Gennadij Basov*** (Rusio), ***Bardhyl Selimi Mezini*** (Albanio), ***Till Dahlenburg, Dieter Berndt*** (Germanio), ***Evandro de Freitas*** (Brazilo), ***Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár*** (Hungario), ***Marija Belošević*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye*** (Tanzanio), ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** (Rumanio), ***Mensah B.Attiogbe-Agbemadon*** (Togolando), ***José J.Campos Pacheco*** (Kubo), ***Yosio Hori*** (Japanio), ***Gian Piero Savio*** (Israelo)

**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** (Rumanio), ***Pavel Rak*** (Ĉeĥio), ***Monika Molnár*** (Hungario)

**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** (Hungario)

**Farita en Presejo Saluton**

**Váci út 81-85, HU-1139 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**




## *Kokino henas, ĉu ne ?!*

SOLVO

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | | | |
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |

**Ne dormu kiel vintre urso, partoprenu en konkurso!**